# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "Brazila Ligo Esperantista"

**2.ª Jaro** **Oktobro - Novembro, 1908** **N. 2 - 3**

JARABONO:
En Brazilujo...... 3$000
Eksterlande.... ... 6.fr,00 (2,s.n,40)

Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
REDAKCIO — RUA S. JOSÉ N. 77
**Rio de Janeiro — BRAZILUJO**

Specimeno......... 0.f50 (0.sm 20)
Numero avulso.... 300 Rs.
Helpabono......... 10$000

## Esperanto triumfas

La tutmonda esperantistaro prave ĝojiĝas: la sukceso trafita de l' Dresdena Kongreso superis tion kion oni esperis.

Neeble raporti detale ĉion, kio okazis dum tiu neforgesebla rendevuo; malgraŭ nia deziro nur per ĝeneralaj informoj ni povas sciigi la legantaron pri tiu grava kunveno, kie esperanto atingis novan kaj mirindan triumfon.

«Venu Dresdenon
Koran bonvenon!»

afable diris kaj insiste ripetadis niaj germanaj samideanoj invitante ĉiujn esperantistojn. Pli malpli mil kvarcent personoj akceptis ilian inviton kaj kunvenis en la bela saksa urbo; dum kelkaj tagoj tiu granda amaso da reprezentantoj de tridek tri malsamaj landoj festenis kaj laboris por la venko de l' komuna ideo.

Kiel la antaŭaj, la Kvara Kongreso komenciĝis per solenaj diservoj en katolika kaj luterana preĝejoj; fortan kaj daŭran impreson kaŭzis al la ĉeestantaro, eĉ al neesperantistoj, la belegaj preĝoj kaj religiaj himnoj kantitaj dum tiuj diservoj.

Sin sekvis la malferma kunveno, en granda salono de Vereinhaus, plena je kongresanoj.

La eniro de Dro Zamenhof, tuj salutita per longa aklamado, la belega parolado de l' Majstro kaj la salutoj eldiritaj de delegitoj de multaj nacioj kaj lingvoj, la solenega kaj kortuŝanta kantado de l'esperantista himno, ĉio, unuvorte, en tiu rememorinda tago, ankoraŭ plifortigis, pligrandigis se eble, la fidelecon kaj entuziasmon de ĉiuj, kiuj havis la feliĉon partopreni en la mirinda festo.

Alia grava okazintaĵo dum la Kongreso estis la kreo de l' Akademio Esperantista aŭ supera komisio de Lingva Komitato, kies tasko, laŭ deklaro oficiale aprobita, estas «zorgi pri la konservado de la fundamentaj principoj de l'lingvo, esplori la lingvajn demandojn kaj solvi ilin laŭ tiuj principoj. Neniel la fundamento nek Lingva Komitato povas esti baro por la normala evolucio de esperanto, kiun ili, kontraŭe, certigas».

Tiu deklaro devas, do, trankviligi ĉiujn, kiuj ankoraŭ konservas la timon, ke senregulaj reformoj malhelpos la progresadon de nia kara lingvo.

La programo de l'Kongreso konsistis plie el specialaj kunsidoj, ekskursoj kaj malsamaj aranĝoj; sed notinda festo estis, nedubeble, la plensukcesa riprezentado de «Ifigenio en Taŭrido», de Gœthe, efektivigita de l'fama aktoro Reicher kaj lia trupo en Centraltheater.

Pri tio, sufiĉas represi la jenan opinion de l' revuo «Comœdia»: «La tago de l' riprezentado de «Ifigenio» ĉe la Universala Kongreso, estis grava dato por la historio de l' teatro».

La 22an de Aŭgusto okazis la ferma kunveno, en kiu oni decidis, ke dum la venonta jaro du Kongresoj estas farotaj, unu en Barcelono, alia post kelkaj semajnoj en Usono; kaj tio pruvas, ke tiel grandan forton jam posedas nia afero, ke nenio kaj neniu plu povas malebligi ĝian antaŭeniradon.

Niajn korajn gratulojn al la glora Kvaro!
Vivu Esperanto!

J. B. M. S.

---

## PREĜO

(VERKIS FAGUNDES VARELLA)

Jesu! al mi savu la kredon, kiu
Haltigas sunon, malaltigas montojn;
Kiu faras piloton al la birdo
Plej timema portanta olivan branĉon,
El la sendito, kiu min deturnas
De l'profundaĵoj. Savu, Krist', la kredon,
De l'altaĵoj Di' sola esper' mia!
Suno de l'tagoj miaj! Stel' polusa!
Inspir' ĉiela de l' talento mia,
Krist', al kiu la liron mi dediĉis,
Ho Kristo, mia majstro, volu naski
La veron ĉe l' timemaj miaj lipoj.

Tradukis Mario de Assis Moura
Ituverava (S. Paulo).

---

## NIA SALUTO AL LA KONGRESO

Okaze de la solena malferma kunveno de l'Kvara Kongreso, la delegitaro de preskaŭ ĉiuj nacioj kaj lingvoj salutis per elokventaj kaj entuziasmaj paroladoj nian gloran majstron Dron Zamenhof kaj ĉiujn kongresanojn.

Nia klera kaj nelacigebla samideano Dro. Everardo Backheuser, kiu reprezentis tie la Brazilan es-

perantistaron, meritas troajn gratulojn pro la bela saluto de li eldirita, kiu, certe, ricevis longan aplaŭdadon.

Jen estas la parolado de Dro Backheuser.

«Majstro! Kongresanoj!

«Lando nova, progresema kaj ĉiam malfermita al ĉiuj grandaj ideoj, Brazilujo, eble iom malfrue sed varme en tiu ĉi tri lastaj jaroj, kloplodadas por Esperanto kaj mi povas jesi, ke ne estas malproksime tie la definitiva venko de via elpenso, kara Majstro!

Pro tio viaj transmaraj samideanoj de Brazilujo decidis sendi min kiel sian oficialan reprezentanton al tiu Kvara Kongreso por ke mi certigu vin, ke ni Brazilaj, daŭrigas la bataladon por la internacia lingvo Esperanto.

Ili volas en tiu ĉi grava historia momento garantii sian fidelecon al interna ideo de Esperantismo tiom da fojoj de vi mem montrita. Ili petas, ke mi salutu la Kongreson je ilia nomo. Ili ankaŭ tre petas ke mi tie ĉi, laŭte, varme kaj entuziasmesalutu al vi, kara Majstro, dirante:

Vivu la reĝo al ni
Tre longe vivu li!

---

## PAROLADO DE DRO L. ZAMENHOF

### ĈE LA MALFERMO DE LA

### KVARA ESPERANTISTA KONGRESO.

Sinjorinoj kaj Sinjoroj!

Aperante antaŭ vi kiel tradicia malfermanto de la esperantistaj kongresoj, mi permesas al mi antaŭ ĉio esprimi la plej respektan dankon de nia kongreso al Lia Regnestra Moŝto la Reĝo Frederiko Aŭgusto de Saksujo por la granda honoro, kiun li faris al ni, prenante sur sin la altan protektadon de nia kvara kongreso. Mi esprimas ankaŭ profundan dankon de nia kongreso al Sinjoroj la Ministroj kaj aliaj eminentaj personoj, kiuj bonvolis eniri en la honoran prezidantaron kaj honoran komitaton de nia kongreso. Mi esprimas ankaŭ nian dankon al tiuj landoj, kiuj sendis al nia kongreso oficialajn delegitojn, kaj al la alilandaj konsuloj, kiuj honoris nin per la reprezentado de iliaj landoj ĉe nia malferma kunveno. Nun la unuan fojon nia kongreso aperas sub la oficiala sankcio de regnestro kaj registaro; mi estas certa, ke la Esperantistoj alte taksos la gravecon de tiu ĉi fakto; mi esperas, ke ĝi estos komenco de tiu nova tempo, kiam nia ideo ĉesos esti penado de nur privataj personoj, sed ĝi fariĝos grava tasko por la registaroj de la mondo.

En la nomo de la kvara tutmonda esperantista kongreso mi salutas la landon germanan, kies gastoj ni ĉiuj estas en la nuna momento; precipe mi salutas la Saksan reĝlandon, kiu al ni, filoj de la plej diversaj landoj kaj gentoj, aranĝis belan akcepton en sia centro mem, en sia fama kultura ĉefurbo. Mi esprimas nian koran dankon al la Saksa registaro kaj precipe al la Dresdena urbestraro por la tuta helpo, kiun ili donis al nia kongreso, kaj por la saluto, kiun ili aŭdigis al ni per siaj estimataj reprezentantoj.

Fine mi esprimas, certe en la nomo de ĉiuj esperantistoj, nian koran kamaradan dankon al niaj germanaj samideanoj kaj antaŭ ĉio al nia Kvaro por la Kvara, kiuj prenis sur sin la malfacilan taskon aranĝi nian kongreson ĝuste en ĉi tiu jaro, kiam ekzistis tiom da malhelpoj, kaj kiuj, dank' al sia granda sindoneco, aranĝis ĉion en la plej bona maniero kaj enskribis per tio tre gravan paĝon en la historion de nia afero.

Germanujo, la lando de la filozofoj, kiu estis iam la centro de la humanistoj, havas por nia ideo specialan signifon per tio, ke en ĉi tiu lando, dank' al la neforgesebla granda merito de la pastro Johann Martin Schleyer, nia ideo ricevis sian unuan disvolviĝon kaj la unuan potencan puŝon antaŭen. Germanujo sekve estas la lulilo de la ideo de lingvo internacia. Ni, speciale esperantistoj, havis ankaŭ en Germanujo niajn unuajn plej gravajn batalantojn, Einstein kaj Trompeter. Estas vero, ke poste en la daŭro de tre longa tempo nia ideo en ĉi tiu lando ŝajnis tute mortinta; sed en la lastaj jaroj ĝi tie ĉi denove vigle reviviĝis, kaj ni havas plenan esperon, ke post nia nuna kongreso, kiam la Germanoj ekkonos nin pli proksime kaj konvinkiĝos per siaj propraj okuloj kaj oreloj, ke ni ne estas iaj teoriaj fantaziuloj, nia afero ĉi tie ekfloros ne malpli potence, ol en la aliaj grandaj landoj, kaj en la komuna ĉiuhoma afero Germanujo baldaŭ okupos unu el la plej honoraj lokoj.

Karaj Samideanoj!

En la daŭro de la lasta jaro en nia afero okazis faktoj, kiuj maltrankviligis por iom da tempo la mondon esperantistan. Nun ĉio jam denove trankviliĝis. Nia arbo, pri kiu mi parolis en Kembriĝo en la pasinta jaro, plej konvinke montris sian tutan fortecon kaj sanecon, ĉar malgraŭ la tute ne atenditaj atakoj, kiuj en la daŭro de kelka tempo kaŭzis grandan krakadon, la arbo konservis sian tutan potencon kaj perdis nur tre malmultajn foliojn. Malgraŭ la kaŝite preparitaj kaj rapide plenumitaj atakoj, kiuj ne donis al niaj soldatoj la povon dece orientiĝi kaj interkomunikiĝi, ĉiu el ili sur sia aparta loko staris forte kontraŭ ĉiuj forlogoj, kaj nur tre malmultaj lasis sin kapti per lertaj vortoj. Super la okazintaj faktoj ni povus sekve silente transiri al la tagordo.

Tamen, por gardi niajn venontajn batalantojn kontraŭ similaj surprizoj, mi permesos al mi diri kelke da vortoj pri tiu temo. El la tempo pasinta ni ĉerpu instruon por la tempo venonta.

Pasis jam ĝuste tridek jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis antaŭ malgranda rondo da amikoj; pasis jam dudek unu jaroj de la momento, kiam Esperanto unue aperis publike antaŭ la mondo. Tre malforta ĝi estis en la unua tempo; ĉiu plej malgranda bloveto povis ĝin renversi kaj mortigi; ĉiu bona vorto de la plej sensignifa homo aŭ de la plej senvalora gazeto donis al niaj pioniroj esperon kaj kuragon; ĉiu atakanta vorto kaŭzis al ili doloron. Kiam antaŭ dudek jaroj la Amerika Filozofia Societo volis preni la aferon de lingvo internacia en siajn manojn, tio estis por la aŭtoro de Esperanto tiel altega kaj neatingebla aŭtoritato, ke li, kiu tiam havis ankoraŭ larajton disponi pri Esperanto, tuj decidis fordoni ĉion al la manoj de tiu societo, ĉar estante

tute sensperta, li tiam ankoraŭ ne sciis, kia grandega diferenco estas inter teorio kaj praktiko.

Feliĉe la entrepreno de la Amerika societo ne sukcesis. Mi uzas la vorton «feliĉe», ĉar efektive nun, kiam mi estas pli sperta, por mi estas afero tute sendubа, ke, se la entrepreno de tiuj teoriistoj daŭrus iom pli longe, la tuta ideo de lingvo internacia jam de longe estus tute senkreditigita kaj enterigita por ĉiam, aŭ almenaŭ por tre longa, longa tempo.

Niaj pioniroj laboris kaj la afero kreskis. Baldaŭ ni ĉiam pli kaj pli akiradis la konvinkon, ke de teoriistoj ni devas atendi tre malmulte da bono por nia afero; ke ĉiuj laŭdoj kaj mallaŭdoj de flankaj personoj havas por ni nur tre malgrandan signifon; ke ni devas fidi nur niaj proprajn fortojn, nian propran paciencon kaj konstantecon; ke la mondo venos al ni nur tiam, kiam ĝi vidos en ni potencon, kiam ĝi vidos, ke ni ne palpas en mallumo, ke ni ne perdas hodiaŭ, kion ni akiris hieraŭ, ke nia vojo estas klara kaj rekta kaj ni de ĝi neniam deflankiĝas.

Sed ne per unu fojo ni venis al tiu fortika konvinko. En la unua tempo, vidante, ke nia afero progresas tre malrapide kaj malfacile, multaj esperantistoj pensis, ke la kaŭzo de tiu kuŝas en nia lingvo mem, ke, se ni nur ŝanĝos tiun aŭ alian detalon, la mondo tuj venos al ni en granda amaso. Tiam venis la periodo de la granda postulado de reformoj. Feliĉe tiu periodo daŭris ne longe. La esperantistoj baldaŭ konvinkiĝis, ke veni al ia komuna, ĉiujn kontentiganta kaj silentiganta interkonsento pri la esenco de la reformoj estas tute neeble kaj la ekstera mondo, kiun la reformemuloj celis, restis absolute indiferenta koncerne tion ĉu tiu aŭ alia detalo havas en nia lingvo tian formon aŭ alian; oni baldaŭ konvinkinkiĝis, ke per reformado ni nur perdos ĉion ĝis nun akiritan kaj gajnos absolute nenion. Tiam la esperantistoj firme decidis ne paroli plu pri iaj reformoj.

Kelkaj tre malmultaj malkontentuloj forlasis Esperanton kaj kune kun kelkaj neesperantistoj kiuj rigardis sin kiel plej konpetentajn en la afero de lingvo internacia, komencis inter si ĝis nun ankoraŭ ne finiĝitan kaj neniam finiĝontan diskutadon pri diversaj lingvaj detaloj, kaj ili staras nun sur tiu sama punkto, sur kiu ili staris antaŭ dekkvar jaroj. La tuta cetera esperantistaro en plena harmonio forte grupiĝis ĉirkaŭ sia konstanta standardo kaj faris de tiu tempo grandan, grandegan marŝon antaŭen.

De la tempo, kiam la esperantistoj ĉesis paroli pri reformoj, komenciĝis por Esperanto periodo ĉiam pli kaj pli brilanta. En la komenco, sub la premo de tre grandaj malhelpoj eksteraj, ni progresadis tre malrapide kaj malfacile. Sed sub la influo de nia plena interna harmonio kaj nia nedekliniĝa irado rekte antaŭen, niaj fortoj ĉiam pli kaj pli kreskis. Nun ni atingis tian potencon, pri kiu multaj el ni antaŭ dek jaroj kuraĝis eĉ revi, kaj se ni marŝos en tia sama harmonio kiel ĝis nun, nenia forto en la mondo povos haltigi nian iradon, kaj ni plene atingos nian celon. Ĉiuhore kreskas la nombro de niaj partianoj, ĉiutage pligrandiĝas la nombro de niaj grupoj. Nia literaturo kreskas tiel senhalte kaj rapide, ke multaj malgrandaj nacioj jam nun povas nin envii. La praktika uzado de nia lingvo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda. Dum ankoraŭ antaŭ ne longe oni tute silentis pri ni kaj poste oni nin mokis, nun oni jam ĉie nin respektas, kiel grandan potencon. Eĉ tiuj niaj principaj kontraŭuloj, kiuj antaŭ ne longe malŝate rigardis nin de alte, nun jam krias alarmon.

Nia lingvo mem konstante pli riĉiĝas kaj elastiĝas. Iom post iom konstante aperas novaj vortoj kaj formoj, unuj fortikiĝas, aliaj ĉesas esti uzataj. Ĉio fariĝas kviete, senskue kaj eĉ nerimarkeble. Nenie montriĝas ia diferenciĝado de nia lingvo laŭ la diversaj landoj, kaj ju pli spertaj fariĝas la aŭtoroj, des pli similiĝas reciproke ilia uzado de nia lingvo, malgraŭ la granda malproksimeco de iliaj lokoj de loĝado. Nenie rompiĝas aŭ difektiĝas la kontinueco inter la lingvo malnova kaj nova, kaj malgraŭ la fakto, ke nia lingvo forte disvolviĝas, ĉiu nova esperantisto legas la verkojn de antaŭ dudek jaroj kun tiu sama perfekta facileco, kiel esperantisto tiutempa, kaj li eĉ ne rimarkas, ke tiuj verkoj estas skribitaj ne nun, sed en la unua, suĉinfana periodo de nia lingvo.

Nia afero regule kaj trankvile iras antaŭen. La tempo de la teoriaj juĝoj kaj de kliniĝado antaŭ ŝajnaj aŭtoritatoj jam de longe pasis. Se iu nun esprimas sian opinion aŭ konsilon pri Esperanto, oni jam ne demandas, ĉu li estas homo grandfama aŭ ne, —oni nur demandas, ĉu liaj konsiloj estas konformaj al la naturaj bezonoj kaj la natura irado de nia lingvo aŭ ne. Se iu glornoma plena nesciado de nia afero esprimas iun el tiuj sensencaĵoj kiujn ni jam tiel ofte aŭdis, ekzemple, ke arta lingvo estas utopio, ke la esperantistoj sin reciproke ne komprenas, k. t. p., aŭ se li, forgesante la nunan staton de Esperanto kaj la teruran ekzemplon de la Volapüka akademio, postulas, ke ni rebaku la tutan lingvon laŭ lia teoria recepto, — tiam ni, esperantistoj, indiferente ĉion aŭskultas kaj trankvile iras nian vojon.

Ne por fieri pri nia forteco mi diras ĉion ĉi tion: neniu el ni havas la rajton esti fiera, ĉar nia forteco ne estas la merito de iu el ni aparte, sed ĝi estas nur la rezultato de multejara pacienca laborado de *multo* da personoj. Mi volis nur atentigi vin pri tio, ke en nia afero ĉio povas esti atingita nur per harmonio kaj konstanteco. Se nin ne gvidus fera konstanteco, nia lingvo jam de longe ne ekzistus, kaj la vortoj «lingvo internacia» estus nun la plej granda mokataĵo por la mondo.

La longa kaj malfacila batalado ni hardis, kaj ne sole la voĉoj de apartaj personoj, sed eĉ la premo de ia granda potenco nun jam ne povus deklini la Esperantistaron de ĝia klara kaj rekta vojo. Kia do estas la kaŭzo, ke en la pasinta jaro en nia tendaro subite naskiĝis tia granda vento, kiu en la daŭro de momento minacis alporti al ni tiom da malbono? Kiu estis tiu ŝajne grandega forto, kiu por momento enportis tian neatenditan konfuzon en nian mezon? Nun, kiam ĉio jam klariĝis, ni povas konfesi, ke ĝi ne estis ia eksterordinare granda potenco, ĝi estis simple kelkaj malmultaj personoj; sed la danĝereco de ilia atako konsistis en tio, ke tiu atako ne venis malkaŝe el ekstere, sed ĝi estis kaŝite preparita kaj tute neatendite aranĝita *interne* de nia tendaro.

Ĝi estas historio, pri kiu mi ne volas paroli. Nun mi volas nur diri jenon: ni ĉiuj estas reprezentantoj de la ideo de lingvo internacia, ni faru kun ĝi, kion ni volas, sed ni agu honeste kaj ni memoru, ke pri niaj agoj la estonteco severe nin juĝos. Memoru, ke Esperanto estas nenies propraĵo, ke la Esperantistoj havas plenan rajton fari kun ĝi ĉion, kion ili volas, se ili nur faros ĝin singarde, lojale kaj interkonsente. Nur por gardi nian lingvon kontraŭ anarĥio de la flanko de apartaj personoj, nia lingvo

havas sian plej senpartie elektitan kaj el plej kompetentaj personoj konsistantan kaj konsistontan Lingvan Komitaton, kiu, dependante de neniu mastro, havas plenan rajton kaj plenan povon esplori kaj prezenti al la sankcio de la esperantistaro ĉion, kion ĝi volos. La Bulonja Deklaracio malpermesas nur, ke apartaj personoj rompu la lingvon *arbitre*, ĝi estas kreita nur por gardi la ekstreme necesan *kontinuecon* en nia lingvo. Se iu el vi trovas, ke ni devas fari tion aŭ alian, prezentu vian deziron al la Lingva Komitato. Se tiu Komitato ŝajnos al vi tro konservativa, tiam memoru, ke ĝi ekzistas ne por la plenumado de diversaj personaj kapricoj, sed por la gardado de la interesoj de la tuta esperantistaro; ke pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero. Ĉar vi ĉiuj konfesas, ke la esenco de nia lingvo esta ĝusta kaj oni povas disputi nur pri detaloj, tial ĉio bona kaj ĉio efektive necesa povas facile esti farata en ĝi per vojo lojala, en harmonio kaj paco.

La personoj, kiuj volas altrudi al la tuta esperantistaro siajn dezirojn, diras ordinare, ke ili havas la plej bonajn ideojn, kiujn la plimulto da esperantistoj certe aprobus, sed iaj ĉefoj ne volas ilin aŭskulti kaj ne permesas al ili prezenti siajn ideojn por esplorado. Tio estas ne vera. Vi scias, ke laŭ la nova ordo, kiun per komuna voĉdonado akceptis por si nia Lingva Komitato, ĉiu homo ne sole havas la rajton prezenti al la Komitato siajn proponojn, sed se la propono havas eĉ nur plej malgrandan ŝajnon de seriozeco, se inter la cent membroj de la Komitato la propono akiris por si eĉ nur la aprobon de *kvin* personoj, tio jam sufiĉas, ke la Lingva Komitato estu *devigata* esplori tiun proponon. Vi vidas sekve, ke neniu povas plendi, ke oni lin ne aŭskultas aŭ ke iaj ĉefoj prezentas al voĉdonado nur tion, kion *ili* deziras.

Se iu diras al vi, ke oni devas ĉion krude rompi, se oni per ĉiuj fortoj kaj per ĉiuj eblaj rimedoj penas malkontentigi vin; se de la vojo de severa unueco, de tiu sola vojo, kiu povas konduki nin al nia celo, oni penas forlogi vin,—tiam gardu vin! tiam sciu, ke tio kondukas al malordigo de ĉio, kion multaj miloj da personoj atingis por la granda ĉiuhoma ideo per multejara pacienca laborado.

Mi finis. Pardonu al mi la malagrablan temon, kiun mi elektis. Ĝi estas la unua kaj espereble ankaŭ la lasta fojo en la historio de niaj kongresoj. Kaj nun ni ĉion forgesu; ni komencu la grandan feston, por kiu ni ĉiuj kunvenis el la diversaj landoj de la mondo; ni ĝoje pasigu nian grandan ĉiujaran semajnon de la pure homara festo. Ni memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta interfratigita homaro. Por ni estas grava ne iaj bagatelaj eksteraj detalaĵoj de nia lingvo, sed ĝia esenco, ĝia ideo kaj celo, tial ni antaŭ ĉio devas zorgi pri ĝia seninterrompa *vivado*, pri ĝia senhalta *kreskado*. Granda estas la diferenco inter homo-infano kaj homo-viro; granda eble estos la diferenco inter la nuna Esperanto kaj la evoluciinta Esperanto de post multaj jarcentoj; sed dank' al nia diligenta gardado, la lingvo fortike vivos, malgraŭ ĉiuj atencoj, ĝia spirito fortiĝos, ĝia celo estos atingita, kaj nepoj benos nian paciencon.

# BRAZILUJO

Eltiraĵo el mia neeldonita vako «*Piqueroby*» verkita en portugala lingvo; dediĉita al la eminenta propagandisto A. C. Coutinho.

> «Neniu scias, kian rezultaton donos tiu popolo sen prapatroj, loĝiĝinta sur kontinento sen estinteco.»
>
> LAMARTINE.

Lamartine ne eldiris tiun ĉi veron rilate al Brazilujo, sed al tuta Ameriko, tamen mi ne vidas malkonvenon uzi pri tiu ĉi objekto la sinedokon, tial ke ni estas amerikanoj!

Brazilujo, tiel estas nomata la patrujo, kiun mi posedas, la plej granda kaj la plej unuigita lando, kiu ekzistas en la mondo, mi ne dubas proklami tion.

La plej granda, jes! Nenion signifos, ke Amerika Unuiĝo enhavas plie kelkajn lenkojn da tero, se tuta Alasko estas la plej vasta neloĝebla glaciejo, kiu ekzistas, kaj plie ankoraŭ, apartigita el la ĉefa parto de la lando!

Nia amplekso ne malgrandiĝas, ĉar Ĥinujo posedas pligrandan areon, nur se oni kalkulas la Gobian dezerton, kie neniam la homoj povos konstrui eĉ unu dometon.

Rusujo enhavas vastan firmaĵon; tio estas vera, mi konsentas, sed tiu ĉi fakto ne posedas valoron; sammaniere, kiel pri Alasko, aŭ Gobio, oni neniam povos fari plantejon aŭ konstrui dometon, ĉu sur la senlimaj stepoj de Siberujo, ĉu sur la ĉiamdaŭraj glaciejoj de Nov-Zembeo, ĉu sur la varmegaj sablaĵoj de Dahurio!

Nu! Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj ne estas unu nacio, sed kunigaĵo de nacioj; Ĥinujo estas kunigaĵo de popoloj ankoraŭ ne unuigitaj de la idealo malgraŭ la subpremado dum multaj centjaroj! Pri Rusujo, tiu ĉi estas malplibone ol Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj, malplibone ankoraŭ ol Ĥinujo. se oni atentas, ke tiu lando ne posedas almenaŭ la plej malgrandan homogenecon; ĝi estas cento da popoloj ĝemantaj sub la glavo de la caro, ĝi estas cento da lingvoj, kiuj konfuziĝas inter si, ĉiu donante al la patrujo malsaman nomon!

Ni ne estas tiaj! Brazilanoj procedas de malegala modo. En Brazilujo ne ekzistas colo da tero, kie la homo ne povas loĝiĝi, ĉie naskiĝas la vivo! Sur ĝia areo da ok milionoj kaj duono da kilometroj la tuta tero estas fruktoporta de la abimoj de lagoj, kie sennombraj fiŝoj kreskas, ĝis la pinto de «Agulhas Negras» (brazila kulmena montaro), kie la aglino sian neston konstruas!

Ĉie, de la rivero Ojapoko, kiu amindumas la mortintan Stelon (brazila nomo de la polusa stelo) montrantan la Nordan Poluson ĝis la rivero Ĉuhio, (brazile Chuy), kie Kruca Suda Stelaro brilas, heligante la Sudan Poluson, de la montaro Parakajmo, norde, ĝis la Kaeda montaro, sude, ankoraŭ de la Atlantikaj bordoj, oriente, ĝis Akro en la malproksimaj nekonitaj teroj de Okcidento, sur la tuta amplekso, kies perimetro estas de dek-ses mil kilometroj, nur unu nacio ekzistas, Brazilujo, nur unu lingvo estas parolata, la portugala idiomo

J. ALBUQUERQUE.

El Pirapetinga (Minas Geraes).

## VERSETOJ

«Du mil unu steloj brilas»
Saĝul' diris; tamen mi,
Memorinte okulojn viajn...
«Du mil tri!»

*

Ankaŭ ĉe l'floroj troviĝas
La diferencoj de l'sorto;
Unuj beligas la vivon
Taŭgas aliaj por morto

*

Tik', tak', de l'horloĝo
Tik', tak' la maŝin'
Ŝajnas, ke plirapidiĝas,
Kiam mi vizitas ŝin.

*

Dikajn librojn mi tralegis
(Iu petegis...)
Ĉar de l'am' bonan difinon
Mi serĉadis kun fervoro.

Dank' al koro
Tiu penado atingis finon.

*

Fortegulo fanfaronis
Certigante sian rondon:
«Se mi havus longajn brakojn,
Mi kunportus tutan mondon».

*

Okazis jam teruriga
Bruego en paca ĉielo
Ĉar vi, veninte en la mondon,
Malaperiĝis anĝelo.

J. B. Mello Souza.

---

## Dua Brazila Kongreso de Esperanto

1.ª Cirkulero

*Estiminda Samideano*

La adeptoj de la helpanta internacia lingvo «Esperanto» jam kunvenis unufoje, la lastan jaron en Rio de Janeiro, dum la Julia monato (el 13 ª ĝis la 21 ª).

Ĉe tiu kongreso, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 1500 personoj, oni diskutadis diversajn kaj gravajn problemojn rilate al tiu lingvo, precipe tiuj de la oficiala organo, de la portugala-esperanta vortaro, k. t. p.

Tiu kongreso decidis, ke la dua brazila kongreso de Esperanto efektiviĝos en la ĉefurbo de la Stato de S. Paulo, dum la Decembra monato de tiu ĉi jaro.

La neesperata sukceso de la unua kongreso permesas esperi, ke ĉe tiel klera Stato, kiel S. Paulo, la kunhelpado estos ankoraŭ pli granda, ĉar oni celas konigi lingvon, kies celo estas la alproksimigado de internaciaj rilatoj per ligilo ankaŭ internacia kaj helpanta.

La subskribanta komitato esperas, ke vi bonvolos aliĝi al tiu venonta kunveno kaj, ke vi ĝin honoros per via estiminda ĉeesto.

Sur la programo, kiu baldaŭ publikiĝos, vi povos vidi, ke ekster la labortagoj speciale rezervataj al kongresanoj, estas organizita serio da festetoj, kie la brazilaj geesperantistoj povos sin renkonti meze da amika kunveno. Promenadojn, kamparajn amuzajojn, koncertojn, teatrajn, prezantadojn, k. t. p., estas tio, kion oni povas jam de nune promesi al kongresanoj.

Bonvolu avizi la subskribantan komitaton ĉu vi principe akceptas tion kunvenon, por ke oni povu organizi la definitivan programon.

Sendi la tutan korespondadon pri la dua kongreso al:

**Commissão do 2.° Congresso Brazileiro de Esperanto**

Caixa do Correio N. 53—CAMPINAS

(Ŝtato de S. Paulo)—Brazillando

N. B.—Intencante organizi malgrandan ekspozicion esperantistan, kiel en la unua kongreso, la subskribanta komitato petas al ĉiuj esperantistoj, brazilaj aŭ fremdaj, ke ili bonvolu sendi, kiel eble plej baldaŭ ĉiuspecajn dokumentojn rilate al Esperanto, kaj jam de nune dankas.

Campinas, la 15ªⁿ de Augusto 1908.ª

*La Organiza Komitato:*

*João Keating*—Prezidanto.
*Haroldo Amaral*—Kasisto.
*Ramiro Garcia*—Sekretario.

---

## Kroniko

**Esperanto en la Nacia Ekspozicio.** — En unu el la plej luksaj salonoj de l'Generala Palaco de nia Ekspozicio oni vidas beletan vitrameblon enhavantan ĉiuspecajn esperantaĵojn. Tiu montrejo estas organizita de l'B. K. E. kiu, tiamaniere, profitas tre gravan okazon por propagandi nian lingvon, ĉar multe da vizitantoj atente ekzamenas la prezentitajn librojn, revuojn, k. t. p., kaj tio interesigas ilin pri nia afero.

**S. Paulo.** — La 29ªⁿ de l'lasta Junio, post parolado farita de Dro. Backheuser, fondiĝis en tiu ĉefurbo societo por propagando, titolita «União Esperantista». Brave!

Unueco devas esti ĉiam nia divizo.

Jen estas la estraro de tiu societo: Prezidanto, Dro. Faria Tavares; Vicprezidanto, Dro. Arthur Motta; 1ª Sekretario, Dro. Antonio Pinheiro Machado; 2ª Sekretario, Kolonelo Francisco Duarte de Azevedo; Kasisto, Domingos Ferreira.

Tiu societo estas la kvina de l'belega ĉefurbo, kie baldaŭ kunvenos la 2ª Brazila Kongreso de Esperanto.

**Campinas.** — Tre belan feston efektivigis, la 12 ⁿ de tiu ĉi monato, la nova, sed laborema Virina Grupo «Espero». Bedaŭrinde, pro manko da spaco, ni ne povas doni informojn tiel detalajn kiel meritas la sukceso atingita; tamen ni certigas, ke la festo de l'Grupo «Espero» estis vera kaj memorinda triumfo. Ke tiu senlaca «Virina Grupo» daŭrigu, jen nia deziro.

**Cruzeiro.** — Novan kaj ageman samcelanon ni havas: aliĝis al la esperantistaro Sro. Mario Avila da Veiga, tre klera kaj laboremega profesoro en Cru-

roiez. Certe, troan helpadon ricevos nia afero dank'al ĉiu kunbatalanto, kiu antaŭ nelonge lernis kaj jam komencis propagandi nian belan ligvon.

**Uberaba.** — La grava ĵurnalo *Gazeta de Uberaba* sciigas nin, ke baldaŭ fondiĝos esperantista grupo en tiu progresema urbo. Tiaj sciigoj ĉiam nin ĝojigas, ĉar ili estas pruvoj de l'progresado de l'esperantismo en nia lando.

Senpacience ni atendas la aperon de tiu nova batalontaro.

**Aracajú.** — De nia amiko Dro. Alcibiades Corrêa Paes, tre fervora esperantisto kaj indega prezidanto de l'Esperanta Klubo de Aracajú, ni ricevis longan leteron, el kiu ni elĉerpis la jenon:

«La festo, kiun ni preparis por solenigi la datrevenon de l' Klubo, estis vera sukceso, kaj oni diras, ke ĝi estis eble la plej korekta el la festoj ĝis nun viditaj en Aracajú.

La programo, kiu estis kaprice organizita, estis ankaŭ severe efektivigita. Ĝi komenciĝis per solena kunsido, prezidita de Dro. Guilherme de Souza Campos, prezidanto de l' Ŝtato, kiu ĉeestis kun sia familio kaj helpantoj de regado. Krom la oficiala parolanto, sro. Arthur Fortes, kiu varmege okupis la tribunon kvindek minutojn, paroladis ankaŭ la telegrafistoj Joaquim Mauricio Cardoso kaj Alipio Meneses, ricevinte ambaŭ, poste, kiel la unua, vivegajn gratulojn. La kunsido daŭris du horojn, de la oka ĝis la deka, kiam al ĉiuj ĉeestantoj multaj drinkaĵoj estis larĝe servitaj. Tiam havis komencon la balo, kiu kunigis la plej bonajn personojn el nia societo, daŭrigita kun granda viveco ĝis la kvara de l' mateno.

La ornamo kaj iluminado de l' palaceto en kiu funkciadas nia grupo produktis admirindan efekton, kaj oni ne povis kalkuli la nombron de familioj, kiuj staris proksime por ĝuadi tiun spektaklon. Pli ol du mil personoj faris la *serenon* de nia datrevena festo».

Kiel vidas niaj legantoj, la esperantistoj de l' ĉefurbo de Sergipe ne dormas, kontraŭe, ili daŭrigas bataladon por nia afero. Jen estas la dua estraro de l' tiea klubo, elektita la 30an de Aŭgusto:

| | |
|---|---|
| Prezidanto..... | *Dro Alcibiades Corrêa Paes* |
| Vicprezidanto.. | *Odilon Telles* |
| 1a Sekretario... | *Sino Cesartina Regis* |
| 2a Sekretario... | *Pedro Machado* |
| Parolanto....... | *Arthur Fortes* |
| Kasisto......... | *Nyceu Corrêa Dantas* |
| Bibliotekisto.... | *Domingos Gordo* |
| Vokaloj { ..... | *José Monteiro da Silveira* |
| ..... | *Temistocles Fontes Freire* |

*La membroj de la* **Konta Komisio,** *ankaŭ dum tiu ĉi periodo, estas:*
*Othoniel Montalvão Amado*
*Zacharias Corrêa Paes*
*Orlando Corrêa Leite*

## "Brazila Esperantisto"

Ni insiste petas niajn samideanojn, ke ĉiuj nin helpu abonante «Brazilan Esperantiston». Tio estas ja unu el la ĉefaj devoj de ĉiu bona esperantisto; tial ni esperas daŭrigi kaj plibonigi la eldonadon de nia revuo dank'al la sindonemeco kaj afableco de niaj geamikoj.

Por ĉiuj aferoj sin turni al Sro Mello Souza, Sekretario de «Brazila Ligo Esperantista», strato Lapa 56, Rio de Janeiro.

## Esperantista Akademio

**El «Esperanto»:**

La propono pri la reorganizo de la Lingva Komitato estis favore akceptita de la komitatanoj. Laŭ tiu nova organizo, ekzistas konsulta komitato, kiu konsistos el ĉiuj ĝisnunaj L. K. anoj kaj kompetentuloj pri lingvaj demandoj. Tiu komitato elektos Akademion da 18 anoj por 9 jaroj, rebaloteblan potrione ĉiun trian jaron. La Akademio esploros la demandojn, kiujn ĝi elektis per propra iniciato kaj ĉiujn demandojn prezentitajn al ĝi per favora raporto subskribita de almenaŭ 5 anoj de la konsulta komitato. La decidoj de la Akademio ricevos leĝforton nur se, tri monatojn post konigo al la L. K., ili ne estos malaprobitaj de pli ol unu triono de la L. K. Se post la diritaj tri monatoj, pli ol triono de la L. K malaprobis tian decidon, ĝi estos diskutota denove de la Akademio kaj la finan decidon faros la L. K. per plimulto de voĉoj. El 80 respondintoj, 66 komitatanoj aprobis, 7 ne volis voĉdoni. La prezidanto submetis al la L. K. anoj liston de 26 kandidatoj al la Akademio, inter kiuj ili elektos komence nur 12. Jen la kandidatoj: Ahlberg, Bein, Boirac, Cart, Cejka, Ellis, Fructier, Grabowski, Hanauer, Huet, Kühnl, S. Meyer, Millidge, Moch, Mybs, Nylen, O'. Connor, Renard, de Saussure, Schafer, Schneeberger, Schröder, Skeel-Giorling, Villanueva, Wackrill, Zakrzewski. La kalkulo de l'voĉoj okazos la 1an. de aŭgusto. La Akademio kunvenos en Dresdeno la 10 an. de aŭgusto.

..........................................................

La balotoj por la *Esperantista Akademio,* elitirita el la Lingva Komitato, liveris la rezultatojn sekvantajn:

Lingvokomitatanoj 86; voĉdonintoj 69; neregulaj voĉdoniloj 7; absolute plimulto 32. Estas elektitaj: S-roj Boirac (60), Bein (54), Cart (49), Grabowski (48), Moch (41), de Saussure (39), Nylen (34), Mybs (32), Villanueva (34). La sekvantaj ne ricevis la absolutan plimulton je la 1a voĉdonado.

## Universala Esperanto-Asocio

Post diversaj klopodoj, la *Universala Esperanto-Asocio* estas nun oficiale fondita. La provizora regularo ĵus estis akceptita de la delegitoj kaj la komitato rajtigita. La celo de tiu nova, por nia movado tre grava organismo, estas la plifaciligo de la ĉiuspecaj rilatoj inter diverslingvanoj kaj la kreo de fortika ligilo de solidareco inter ĝiaj anoj. Por tio ĝi organizas per Esperanto diversajn internaciajn praktikajn servojn, tuj uzeblajn de la personoj, kiuj vojaĝas, korespondas, komercas, rilatas kun alilingvanoj pri ĉiaj fakoj. Ĝi klopodas por starigi en kiel eble plej multe da lokoj konsulojn, Esperanto-Oficejojn, kiuj helpos al la vojaĝantaj samideanoj; ĝi organizas vojaĝojn, ekskursojn, Esperantistajn libertempajn koloniojn, hotelojn, unuvorte klopodas per ĉiuj rimedoj por enkonduko de Esperanto en

la praktikan vivon kaj por la internacia uzado de nia lingvo.

La organizo de la U. E. A. estas starigata sur la jena plano: En ĉiu loko, kie tio estas ebla, estas *delegito*, elektata nun de la grupoj aliĝintaj, poste de la U. E. A. anoj. La delegito reprezentas la komitaton, zorgas pri la interna administrado de la Asocio en sia regiono, klopodas por starigi en sia loko la servojn ĉie organizatajn de la U. E. A. Li mem elektos sian anstataŭanton, siajn helpantojn, kiuj laboros por la funkciado de la diversaj fakoj, ĉiu laŭ sia specialeco, kaj *subdelegitojn*, kiuj en ĉiuj negrandaj lokoj de lia regiono reprezentos la delegiton kaj lin helpos por la plenumo de lia tasko. La komitato, elektita de la delegitoj, estas dividita laŭ diversaj fakoj, per kies zorgado estas komisiitaj unu komitatano kaj helpkomitatanoj, nome: Fako 1a, *Administrado*; fako 2a, *Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj*; fako 3a, *Turismo*.

Estas anoj de la U. E. A. ĉiu anoj de la organizaĵoj, kiuj elektis aŭ elektos delegitojn. La anoj havas la rajton senpage uzi la servojn organizatajn de la U. E. A. Plie, ĉiuj anoj, kiuj pagas la malkaran kotizaĵon difinitan la regularo (24 Sd.), ricevos membrokarton, kiu donos al ili la rajton plendi se ili ne ricevis la servoj, kiujn ili rajtas.

Jam ekzistas delegitoj en 97 lokoj diversregionaj. Post la fondo de la U. E. A., estas nedubeble, ke multaj grupoj, societoj, k. c., kompreninte la praktikan signifon de tiu organizaĵo por nia afero, deziros partopreni en ĝi kaj elekti delegiton. Cirkulero pri tio estas nun dissendita al ĉiuj ekzistantaj organizaĵoj, kiuj estas petataj respondi ĝin kiel eble plej baldaŭ. La grupestroj, kiuj ial ajn ĝin ne ricevis, bonvolu skribi al Esperanto, Genève (Svis.), 8, Rue Bovy-Lysberg.

La komitato de la U. E. A. konsistas el: S-roj H. Bolingbroke Mudie, prezidanto; H. Hodler, vicprezidanto; A. Carles, Th. Rousseau, R. Mesny, S. Meyer, P. Blaise, J. Schmid, D-ro Whitaker, anoj.

---

## Internacia Instituto de Esperanto

El *Lingvo Internacia*:

Per la iniciato de nia amiko S-ro Edmond Privat kaj la kunlaborado de kelkaj el la plej konataj spertuloj en esperanto, fondiĝis internacia organizo por praktika instruado de nia lingvo. La celo de tiu «Internacia Instituto» estas krei en ĉiulandaj urboj bonajn lernejojn de Esperanto, kie povos prepariĝi ne nur lernantoj sed ankaŭ instruantoj. La Instituto povas fariĝi ne nur tre grava por la propagando de nia afero, sed tre utila por la studado kaj uzado de praktikaj metodoj kaj bonaj lerniloj. Ĝi povos grande helpi al la preparado la diplomekzamenoj de la naciai societoj kaj ĝi faros bonan novaĵon, kreante ankaŭ internaciajn diplomojn, kiuj garantios unuecon en la instruado en la diversaj landoj.

Jam kelkajn filiojn S-ro Privat fondis sukcese en Ameriko, kie li nun vojaĝadas por disvastigi nian lingvon speciale en la lernejoj de tiu lando. La granda Somera Instruejo de Chautauqua; kie kunvenas cirkaŭe dudekmil geinstruistoj ciujare, fariĝis filio de la Instituto kaj aranĝis por tiu ci somero grandan serion da esperantoj kursoj sub ĝia kontrolo. Tiuj kursoj okazas antaŭ kaj post la Nord-Amerika Esperantista Kongreseto, kiu kunvenis en Chautauqua en la fino de Julio.

## Tutamerika Scienca Kongreso

La Societo Patrina Esperantista de Ĉilo anoncas, ke la Lingvo internacia Esperanto estas enmetita inter la temoj, pri kiuj speciale sin okupos la Granda Kongreso Sciencia Tutamerika, kiu malfermiĝos, sub la aŭspicoj de la Registaro de ĉilo, en la urbo Santiago, la 24-an de Decembro proksima kaj kiu fermiĝos la 5-an de Januaro 1909a.

---

## Sudamerika Biblioteko Esperanta

Ni ricevis la sekvantan cirkuleron:

Estimata Samideano.

La rimarkeginda de nia Esperanto en la tuta mondo, montras al ni vojojn, kiujn, pliebligante la disvastigadon de nia lingvo, samtempe diskonigu ĉiulande, la pensmanieron de meritindaj homaranoj, kies atentigindaj verkoj povus estis donantaj kiel eble plej precizan ideon pri kutimoj, vivmaniero, k. t. p., en la plej diversaj lokoj de l' terglobo.

Tio pripensinte, kaj, dezirante alporti al **nia** komuna afero, nian sendube modestan, sed sinceranporesperantan agadon, nin decidis komenci, niaflanke laboradi laŭ supredirite; organizante bibliotekon, kie oni trovos ĉiuspecajn kaj pli intersajn literaturajn verkojn, el la kiel eble plej famkonataj sudamerikaj literaturistoj kaj pripensemuloj.

Al tia laboro, kore kaj entuziasme nin doniĝas, kun plena konfido pri la ebla helpo al ni donota, de niaj ĉiulandaj samideanoj; ĉu aĉetante la verkojn de nia biblioteko, ĉu diskonigante ĝin; do, sendube ili klare komprenos ke, en sudamerikaj landoj-ankoraŭ tre malbone konataj ekster kontinente-sin troviĝas gravajn kaj konigindajn interesaĵojn.

**Nia SUDAMERIKA BIBLIOTEKO ESPERANTA**, publikiĝos almenaŭ unu verkon ĉiutrimonate; kaj, se niaj amikoj estos bonvolaj nin helpi, ĝi iĝos pli kaj pli grava; laŭ ila volo de ili.

Plene konvinkitaj ke agante tiamaniere, ni plenumas nian devon, signifigante ke **tute**, kaj **precize**, ni komprenas la internan ideon pri internaciismo, per **ESPERANTISMO**;

Sincere, kaj frate vin salutas:

**Sudamerika Biblioteko Esperanta**

Adreso: Gerardo Muiños Casilla 737 — Buenos Ayres. — Republica Argentina.

**RIMARKO**: Ni bezonas bonvolajn korespondantojn en ĉiuj landoj.

Samtempe, al ĉiuj samideanoj, interesataj pri tiu supredirita afero, ni petegas la bonvolon sin turni al la eldonisto, laŭ supra adreso.

---

## GRUPOS ESPERANTISTAS

1906 — *Marto* — G. E. Suda Stelaro — Campinas.
*Junio* — Brazila Klubo «Esperanto» — Largo de São Francisco 4-1º—Rio.
*Septembro* — Esp.-Societo Sud-Rio-Granda — R. Sete de Setembro, Porto Alegre.
*Oktobro* — G. E. de Niteroi — R. Marquez do Paraná, 69, Niteroi.
*Oktobro* — G. Verda Stelo *(Komercoficistoj)* — Largo dà S. Francisco 4-1º—Rio.

*Decembro* — Laboristara — Esperantista Grupo, Rua Hospicio, 145-1º—Rio.
1907 — *Aprilo* — G. Verda Signo — S. Christovão — Rio de Janeiro.
*Majo* — G. E. de Petropolis — Petropolis.
» — G. E. Cachoeiro de Itapemerim — Espirito Santo.
*Julio* — «Espero Katolika» — R. Liberó Badaró, 36 — S. Paulo.
*Julio* — Pernambuka Klubo «Esperanto»—R. Rozário n. — Recife.
*Augusto* — G. Matena Stelo — Avenida Intendencia, n. 193 — S. Paulo.
*Augusto* — Societo Sankta Katarina — Lages — Santa Catarina.
*Septembro* — Esperanto-Klubo — Aracajú — Sergipe.
» — Grupo Esperantista — Santos.
» — G. Espero (virina) — R. Veridiana 10 A S. Paulo.
*Novembro*—G. Juna Esperantisto—R. Veridiana 10 A S. Paulo.
*Novembro* — Esperanto-Klubo — Paraná.
» — G. E. de Pouzo Alegre — Minas.
1908 — *Marto* — G. E. de Bom Jardim — E. do Rio.
*Majo* — G. E. de Villa Nova de Lima — Minas.
*Junio* — Brazila Espero (virina grupo). Campinas.
» — União Esperantista — S. Paulo.

## Ĝenerala Statistiko de Esperanto

Ni elĉerpis la sekvantajn nombrojn el la tria numero de «Oficiala Gazeto Esperantista», kies apero tre ĝojigis nin, ĉar ĝi venis plenumi mankon en la esperanta gazetaro:

*Tabelo 1ª. Konsulurboj kaj Societoj:*

| | 5 Aŭgusto 1908 | |
|---|---|---|
| | *Kons.* | *Soc.* |
| Eŭropo | 242 | 838 |
| Azio | 4 | 23 |
| Afriko | 5 | 15 |
| Ameriko | 36 | 163 |
| Oceanio | 1 | 18 |
| Tutmonda sumo | 288 | 1.057 |
| » » en 31 Decembro 1907 | 232 | 753 |

*Tabelo 2ª. Profesiaj fakaj Societoj:*

| | |
|---|---|
| Moralo, Politiko, Religio | 26 |
| Artoj, Scientoj | 16 |
| Industrio, Komerco, Laboro | 30 |
| Administracio | 5 |
| Distrajoj, Sportoj | 6 |
| Diversaj | 26 |
| Sume | 109 |
| » en 31 Decembro 1907 | 69 |

*Tabelo 3ª. Esperanta Gazetaro*:

| | |
|---|---|
| Gazetoj: | |
| Specialaj | 12 |
| Ĝeneraloj kaj beletristikaj | 10 |
| Naciaj propagandaj | 42 |
| Sume | 64 |
| » en 31 Decembro 1907 | 44 |

---



## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

*De la Librejo Hachette kaj Kio:*

Makbeto — Verkita de Shakespear kaj tradukita de D. H. Lambert.

Bukedo de Charles Lambert, profesoro en la Universitato de Dijon (Francujo).

Tutmonda Jarlibro Esperantista enhavanta la Adresaron de Dr. Zamenhof, por 1908. Prezo 2 f.

«Cu li ?» bela romano originale verkita de Dr. Valienne, kun 446 paĝoj. Prezo 4 f.

Frazaro de Hervei de Coppet, profesoro diplomita de Esperanto.

Muzika Terminaro de F. de Menil. Prezo f 0,60.

La Psalmaro el la Biblio el la originalo tradukis Dr. L. L. Zamenhof kun antaŭparolo, klarigoj kaj notetoj pri la hebrea muziko de F. de Menil. Prezo f 2,50.

Du Mil Vortoj ĉerpitaj el la Verkaro de Dr. L. L. Zamenhof netroveblaj en Universala Vortaro kun sep naciaj tradukoj kaj referencoj montrantaj la lokon, kie ĉiu vorto troviĝas—ellaboris Paul Boulet.

Laŭroj, kolekto de la originalaj verkoj premiitaj en la unua literatura konkurso de la «Revuo». Prezo 2 f.

*De Espero Katolika:*

Internaciismo kaj Pacifismo de J. Durox. En l'Action Franciscaine, februaro 1988, tradukis Ary-Bourg. Prezo f 0,25.

*De Office Central Esperantista:*

Bibliographie de l'Esperanto et classification décimal universelle. Prezo f 0,50.

*De la Bureau Bibliographique de Paris:*

Emploi en bibliographie de la langue internationale auxiliaire Esperanto. Appendice au Manuel du Répertoire bibliographique universel.

*De «Verda Stelo», groupe esperantista de Montmartre:*

Cifera Muziko per Esperanto de C. Robert. Prezo f 0,10.

*De Centra Dana Esperantista Ligo:*

Kopenhago—ilustrita gvidlivro verkita de Kaj Bendin.

*De Roma Esperantisto, 198, Babuino — Roma:*

Jarlibro de Italaj Esperantistoj.

*De la «Societé Française Esperanto — Croix — Rouge:*

Intercompréhension dans les formations et etablissements sanitaires en temps de guerre. Prezo f 0,50.

Guida Esperanto de la Croce-Rossa. Prezo f 0,05.

*Internacia legolibro.* Jen unu el la plej interesaj esperantaj verkoj, kiun ni insiste rekomendas al niaj samideanoj. Ĝi enhavas aron da anekdotoj, historietoj kaj poezioj verkitaj laŭ tre bona kaj facila stilo; tial ĝi tre taŭgas ne nur por lernantoj, sed aukaŭ por ĉiuj esperantistoj. Traleginte ĝin, kaŭzis al ni surprizon ekvidi kuriozan artikolon de Fritz Rockmann pri la popolaj festoj en Brazilujo, precipe en Rio de Janeiro.

La Intercia Legolibro estas eldonita de Stark kaj Rockmann, Magdeburg, Buckanerstr. 14. Prezo M. 1,20 (sd. 60).

---

Sro S. L. Stutzman, Attica, Ohio, U. S. A. deziras intersanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun gesamideanoj. Ciam li respondos.

*Typ. do "Jornal do Commercio"*